# Etnismo

N-RO 29 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 23.07.82

# KONCIZE EL.....

<u>VIENO.</u> La konstitucia tribunalo de Aŭstrio malaprobis la akuzon prezentitan far "Kärntner Einheitsliste / Koroška Enotna Lista" (t.e. "Karintia Unuec-Listo", slovena partio) kontraŭ la Provinco Karintio pro la elektoleĝo. (Komparu ETNISMO-n 23, p. 19.) La tribunalo konstatis ke ĝi ne kompetentas kaj ke, laŭ la aŭstria same kiel laŭ internacia priminoritata juro, la parlamenta reprezentiĝo de etna minoritato ne estas deviga. Tamen la tribunalo enmetis, kiel oni diras en Aŭstrio, "sukeraĵon" por konsoli la minoritatanojn: Interalie kaj ĉefe la tribunalo substrekas ke, depende de la afero, povas esti pravigeble aŭ eĉ necese doni certajn avantaĝojn al la minoritato, ĉar skemeca samrajtigo ne sufiĉas.

<u>PARIZO.</u> Ĉi-aprile aperis la unua numero de **TUPAJ KATARI** redaktata de la komitato Chasky (14 rue de Nanteuil, F-75015 Paris). La celo estas konatigi la nunajn luktojn de la ajmaroj, keĉuoj kaj guaranioj. En la unua numero la redaktantoj skribas: "La realeco politika, ekonomia, kultura kaj socia estas tia en Suda Ameriko ke ŝajnas al ni necese publikigi ĵurnalon kies celo estas diskonigi ĉiujn informojn alvenantajn al ni el la indianaj movadoj kiuj luktas en Bolivio, Peruo, Ekvadoro, Kolombio ktp."

<u>TIRANO.</u> En Albanio vivas proksimume 4.000 makedonoj, precipe apud la Prespalago, kiu apartenas trikvinone al Jugoslavio kaj po-kvinone al Albanio kaj Grekio. En la unuaj kvar jaroj de la elementa lernejo oni instruas makedone, poste nur albane kaj eĉ ne plu ekzistas instruado pri la makedona. En librovendejo de Liqenas, unu el la naŭ makedonaj vilaĝetoj, troveblas lernolibroj en la makedona lingvo, sed ĉiuj aliaj literaturaĵoj estas ekskluzive albanlingvaj. La neekziston de makedonlingvaj gazetoj kaj radioprogramoj oni klarigas per la malgranda nombro da makedonoj kiuj, krome, estas ege malriĉaj. - La greka minoritato, precipe loĝanta ĉirkaŭ Gjirokastra kaj Saranda en plej suda Albanio, estas multe pli ampleksa: 40.000 anoj mencias la albana registaro. La grekoj disponas pri instruista seminario en Gjirokastra, greklingvaj gazeto (aperanta dufoje semajne) kaj radioprogramoj. Kvankam la instrulingvo estas la greka nur ĝis la kvara jaro, tamen poste almenaŭ ekzistas la greka kiel studobjekto. En la tuj apudlima vilaĝo Grapŝ estis videblaj eĉ greklingvaj politikaj sloganoj.

<u>ESCHWEILER / ISMANING.</u> **En la titolpaĝo de ETNISMO 28 aperis artikolo de Dirk Willkommen pri Groenlando. Sen demandi lian konsenton la eldonanto ŝanĝis la titolon. La aŭtoro petis indiki ke la origina titolo de la artikolo estas: GROENLANDO EKSTERE.**

<u>SAINT-NICOLAS (AOSTA VALO).</u> Ĵus aperis numero 5 de "Nouvelles du Centre d'Etudes Francoprovençales René Willien". Ĝi enhavas artikolojn pri la laboroj de la Centro, pri la lokaj muzeoj, pri la specialigita biblioteko por frankoprovencaj studoj en Saint-Nicolas, pri teatro-seminario, pri dialekto-konkurso, pri aktivecoj de la Aostvala Asocio de Sonarkivoj, pri kursoj de skribado kaj historio de la dialekto. La 36-paĝa kajero estas trafe ilustrita.

# KELEIER KOMUNIKO

"KUZUL AR BREZHONEG", t.e. la Konsilantaro de la Bretona Lingvo, kiu ampleksas 18 asociojn kaj organizojn de instruado, eldonado kaj disvastigo de la bretona lingvo, post la gazetara konferenco de la ministro pri nacia edukado, Alain Savary, de la 18-a de junio 1982, publikigis jenan preskomunikon:

## DEKLARO DE LA KONSILANTARO DE LA BRETONA LINGVO

S-ro Alain Savary, ministro pri nacia edukado, konatigis sian starpunkton pri la minoritataj kulturaj postuloj kaj speciale sian respondon al la bretonaj kulturaj postuloj. Tiu ĉi gazetara konferenco, kiun oni promesis depost tiel longa tempo kaj de kiu oni atendis tiom, alportas nenion krom granda seniluziiĝo, kaj anstataŭ la granda espero kiun vekis la venko de la maldekstroĝi naskigas hodiaŭ profundan senton de ribelo.

Estas sufiĉe malfacile trovi tion kio diferencigas la promesojn de s-ro Alain Savary kontraŭ tiuj de s-ro René Haby (1), kaj temas ĉiam - ĉar oni ne anoncas rimedojn - pri vortaj promesoj. En kelkaj punktoj ekzistas eĉ - skandale - malprogreso. Tiuj ĉi promesoj ne estas - kiel oni sugestis - konsidero de la bretona kultura postulo: S-ro Alain Savary atentis, inter la diverĝaj konsiloj prezentitaj al li, ĉiam tiujn kies jakobena spirito bremsis la volon pri kultura liberaligo de la sindikataj organizoj kaj de aliaj kiuj volas savi la kulturon de la bretona popolo.

Du decidoj estas speciale gravaj: La kondiĉoj starigitaj por agnosko de DIWAN (2) estas kalkulitaj por konduki aŭ al fiasko de la interparoloj aŭ al frakaso de DIWAN. La rifuzo de CAPES (3) pri la bretona, postulata far la plej altaj instancoj de la Regiono, estas tute same rivela rilate la profundajn intencojn de la ministerio: Oni prokrastas la decidon tri jarojn, dum kiuj la instruado de la bretona evoluu, nu, precize ĝi povas evolui nur se la CAPES pri la bretona estas kreita kaj se buĝeteroj por la instruado de la bretona estas malblokitaj. Tiu ĉi kruela decido kiu kondamnas jam anticipe la junajn studentojn al senlaboreco aŭ al ekzilo estas nuntempe dolore sentata en Bretonio kaj ĝi pezegos en la prijuĝo de la politiko de la ministerio. La bonaj diroj ne sufiĉas: S-ro Giscard d'Estaing jam estis elverŝinta marojn da ili. Kiel ĉiam, ni postulas agojn. Ni postulas justecon, ĉar ŝajnas vane paroli pri grandanimeco.

Tiu ĉi gazetara konferenco de s-ro Savary, pro la propagando kiu ĉirkaŭis ĝin kaj pro la dato en kiun ĝi estis metita post plursemajna prokrastado - t.e. la momento kiam la lernejestroj finas la preparojn por la septembra reveno - havos kiel tujan kaj bedaŭrindan konsekvencon seriozan radikaliĝon de bretona kultura batalo.

---

(1) Haby estis ministro de nacia edukado en la antaŭa, centro-dekstra registaro sub prezidento Giscard d'Estaing.

(2) DIWAN (t.e. grajnaro) estas movado kiu fondis en 1977 la unuajn privatajn breton-lingvajn elementajn lernejojn. (Komparu la artikolon en ETNISMO 21, p. 24/25)

(3) CAPES estas mallongigo de "Concours d'Aptitude au Professorat de l'Enseignement Secondaire", t.e. ekzameno post-studa por akiri postenon en mezgrada lernejo.

Se vi deziras informojn pri la situacio en Bretonio, skribu al:

KUZUL AR BREZHONEG, 28, rue des 3 Frères Le Goff, F-22000 St Brieg/St Brieuc.

# ‹VIVANTA NENIU PLU ELIROS DE TIE ĈI!›

## LA TURKA ARMEO MURDAS LA KURDAN ETNON.


Serafetin Kaja

Dijarbakiro, en sudorienta Turkio, estas konsiderata la sekreta ĉefurbo de la turkia parto de K U R D I O. Tie jam regis la armeo antaŭ la puĉo de la 12-a de septembro 1980. La karcerojn de Dijarbakiro pasis de aprilo 1979 116.800 kurdoj. Poste, 11.000 estis arestitaj, kaj kontraŭ 8.000 el tiuj kurdoj la armea registaro malfermis procesojn. Post la puĉo proksimume 500 kurdoj el la regiono de Dijarbakiro malaperis, supozeble murditaj far la armeo.

Komence de tiu ĉi jaro fuĝis en FRG-n la kurda advokato Serafetin Kaja, 52-jara, post multega fizika kaj psika suferado. Li laboris de 1951 ĝis 1958 kiel instruisto devante uzi ekskluzive la turkan lingvon, kvankam liaj lernantoj estis kurdoj. Kiam Kaja ne plu povis toleri tiun perforton, li ekstudis juron kaj kvin jarojn poste malfermis advokatejon en la kurda urbeto Mus. Kaja ne membris en politika partio, sed simpatiis kun la Turka Laborista Partio kiu - sola - agnoskis la kurdojn kiel apartan etnon. Tiel Kaja anticipis evoluon de la 70-aj jaroj, kiam iom post iom la turka maldekstro kunlaboris kun la kurda opozicio. Evidente tio alarmis la generalojn. Advokato Kaja ne hezitis defendi akuzitojn de la opozicio, kaj tiel la turka registaro vidis en li pli kaj pli malamikon. Kaja, ekzemple, defendis la lingviston Ismail Beheŝti kiu estis plurfoje kondamnita je malliberecο pro siaj publikigaĵoj kurdalingvaj. Ankaŭ nuntempe Beheŝti estas en karcero ... por 10 jaroj. Logikas ke ankaŭ Kaja estis enkarcerigita dum la armea diktaturo de 1971 ĝis 1973. Iom poste registaraj organoj traserĉis lian advokatejon kaj tiom mistraktis lin ke plurmonata kuracado apenaŭ savis lin de morto.

Kiam en aprilo 1979 ekvalidis la militjuro en Dijarbakiro, Serafetin Kaja translogis al tiu ĉi urbo kaj tie instalis, kun kvin kolegoj, advokatejon por povi defendi la akuzitojn antaŭ la provinca tribunalo. Li estis inter la malmultaj personoj pretaj informi eksterlandanojn pri la situacio, kaj li diris ke ekde certa momento la risko de enkarceriĝo ne plu dependas de la propra konduto. Malakceptante statistan rolon en la milit-procesoj, li mem estis arestita la 15-an de februaro 1981 kaj ĵetita en la karceron de Dijarbakiro. Evidente devis okazi tiel: Kaja estis elstara konsilanto por la kurdaj kamparanoj kiuj venis en lian advokatejon kaj raportadis pri la kruelaĵoj de la armeanoj. Por humiligi la kurdojn la oficiroj devigis virinojn manpreni la penison de siaj respektivaj edzoj kaj tiel trairi la vilaĝon. Tamen, en la armea karcero Kaja konvinkiĝis definitive pri la celo de la generaloj likvidi la kurdan etnon. Apenaŭ alvenintaj la malliberuloj, nudaj kaj apogitaj unufingre kontraŭ muro, kovritaj okuloj, ricevas minimume 44 batojn per ferstango kaj devas citi diraĵojn de la "patro de la turka respubliko" Atatürk; poste soldatoj batas la enkarcerigitojn ĝis sango fluas el la vizaĝo; en la izolaj ĉeloj la malliberuloj ĝisgenue estas en fekaĵo kaj devas ŝmiri tiun ĉi sur sian tutan korpon, sen rajti lavi sin. Kaja raportis ke la granda plimulto el la nuntempe 3.000 enkarcerigitoj de Dijarbakiro estas kvazaŭ-skeletoj kaj certe ne plu forlasos tiun surteran inferon. La komandanto de tiu karcero, generalo Alatin Bajar,

estas unu el la plej fifamaj torturistoj de la turka armeo. Dum la milito en Cipro, en 1974, li akiris specialan renomon per kruelado kontraŭ la grekaj civiluloj. La enkarcerigitoj de Dijarbakiro kredas lin, kiam li fanfaronas: "Vivanta neniu plu eliros de tie ĉi!"

Kaja bonŝancas, malgraŭ ĉio. La tribunalo eksadvokatiĝis lin, sed liberigis lin de la akuzo. Tamen, la karcera pordo ne malfermiĝis por li. La torturistoj plutraktis lin tiel ke ili supozis lin mortinta. Amikoj de Kaja elportis lin, kondukis lin al lia familio en okcidenta Turkio kaj de tie, tra Sirio, al FRG.

Serafetin Kaja ne plendas pri sia sorto, sed akuzadas la reĝimon de la turkaj generaloj kiuj tute laŭplane agas kaj atendas nur ribelon de la kurdoj por malaperigi tiun tutan etnon en la turkia teritorio. Kaja atentigas pri la bombado de kurdaj vilaĝoj far la turka aer-armeo (kiu estas ero de la NATO!). Se en okcidentaj medioj tiaj informoj estis ofte nomataj kurda propagandaĵo, jena fakto kontraŭefikas: Unu el la unuaj ordonoj de la armea-registaro estis blank-farbi la kurdajn domojn en la provincoj Dijarbakiro, Urfo, Mardino kaj Siirto. Ĉu tiu paŝo ne tro similas al la ordono nazia ke la judoj portu flavan stelon? Ĉu la okcidento ne memoras ke Atatürk, fondinte tiun ĉi "modernan" Turkion, jam en 1923 provis "solvi" la kurdan problemon per amas-murdado?

Serafetin Kaja demandas, prave riproĉe, kial la okcidenteŭropa publiko engaĝiĝas tiel energie favore al la eksĉefministro Bülent Eĉevit kaj samtempe sampersiste ignoras la suferadon de la kurdoj.

C e t e r e, ĉu vi mem jam skribis al la turka ambasado aŭ konsulo en via lando informpetante pri la situacio en Kurdio aŭ protestante pro la rekta malrespektado de homaj kaj etnaj rajtoj?

(Komparu la raportojn pri Turkio kaj ties etnaj malplimultoj en **ETNISMO 14 / 12. 12. 1976 kaj** pri Kurdoj en diversaj ŝtatoj en **ETNISMO 18 / 22. o3. 1978.**)

# ‹CIVILIZACIO› MORTIGAS PIGMEOJN

Pigmeoj vivantaj en Centrafriko ŝajnas kondamnitaj je morto pro la antaŭeniĝanta civilizacio. Tiu popolo estis perfektege adaptiĝinta al la naturo, t.e. al la tropika ĝangalo. Nuntempe la komercemo de eŭropanoj kaj ties idoj pli radikale ol iam antaŭe "kultivas" la ĝangalon kaj tiel nuligas la originan vivmedion de la pigmeoj, ekzemple en suda Kameruno. La arbaro seniĝas da bestoj kaj plantoj aŭ mem tute malaperas: La pigmeoj suferas malsaton kaj asimiliĝas ankaŭ en vestaĵoj kaj loĝejoj, kiel kutime okazas, alprenante la negativaĵojn de la blankuloj.

La blankaj koloniigintoj konsideris la pigmeojn eroj de la tropika faŭno kiel simioj kaj rabobestoj. Cirkulis onidiroj ke pigmeoj - "ĝangalaj gnomoj" - **mortigis** kompletajn karavanojn per siaj venenaj sagoj. Delonge oni scias ke ĉio ĉi estis fantomhistorioj kaj ke la pigmeoj tute ne konis kanibalismon, nek hom-oferojn nek sklavecon nek poligamion. Ne ekzistas klasoj aŭ kastoj, sed ĉiuj tribanoj formas unu kolektivon por ĉasi kaj kolekti.

Pro la novaj cirkonstancoj la pigmeoj ne nur malsatas, malsanas fizike, sed ankaŭ psike suferadas kaj ŝajnas ke pluraj jam mortis pro depresioj. Ne certas ĉu la ideo de svisa pigmeo-specialisto donus vivŝancon: dungi la pigmeojn en natur-rezervejoj kiel bestogardistojn por ke ili povu ligitaj intime al la naturo.

* * * * * * * * * * *

# LA ETNA BUNTECO DE AFGANISTANO




Depost la invado de Afganistano far Sovetunio, en decembro 1979/januaro 1980, aperis amaso da raportoj pri la liberiga milito de la afganistananoj, pri la rifuĝintoj en la najbara Pakistano ktp. Tamen malmultegon diris la ĵurnalistoj pri la konsisto de la afganistana "nacio". Sukcese la ĉefa etno, la paŝtuoj, prezentadis sin kiel LA afganistananoj sen mencii tiujn multegajn aliajn etnajn grupojn vivantajn en tiu ŝtato. El la 21 milionoj da civitanoj proksimume 55 % parolas la paŝtuan lingvon (preskaŭ sama nombro vivas en Pakistano), 30 % estas taĝikoj, 5 % estas uzbekoj, 3 % estas mongolidaj hazaroj, 800.000 estas aimakoj, 600.000 estas persoj, 400.000 parolas la turkmenan, 300.000 estas beluĉoj-brahujoj, 100.000 estas nurioj, kaj krome menciindas kirgizoj kaj pamiranoj kaj la hindiaj sikoj. La mapo nur tre skize montras la ĉefajn etnajn grupojn kaj neniujn detalojn tribajn, kiuj gravegas por kompreni la malfacilaĵojn interne de la ŝtato. La hazaroj estas supozeble la plej diskriminaciata grupo: Ili estas ŝiitoj kaj iliaj kamparanoj tre dependas de la paŝtuaj komercistoj, krome ili ege suferas la ĉiusomeran invadon de la nomadoj postulantaj paŝtejojn.

* * * * * * * * * *

# KOMUNA DENOMINATORO: KONTRAŬ INDIĜENOJ

Ĉu nord- aŭ sudeŭropaj koloniistoj, ĉu meksikiaj ŝajn-demokratoj aŭ gvatemalaj diktatoroj kaj fine eĉ nikaragvaj socialistoj, ĉiuj traktas la indiĝenojn pli-malpli same: kiel sub-homojn.

Pri la murdado kaj forpelado de milionoj da indianoj instruas nin sufiĉe la historio, kaj ETNISMO raportis plurfoje pri la nuna situacio en Meksikio kaj Paragvajo.

Rigoberta Menĉû, juna gvatemala indianino, raportis antaŭ kelkaj semajnoj pri la vivo kaj morto de sia patro kiel ekzemplo de la brutala subpremado praktikata kontraŭ la indiĝenoj en tiu ŝtato (1o8.889 kvkm, 7.26o.ooo enloĝantoj, el kiuj preskaŭ la duono estas indianoj, precipe el la kiĉea etno; pli ol 4o % estas mestizoj, nur 5 % estas blankuloj, la resto, negroj, mulatoj kaj samboj /idoj de negro kaj indianino aŭ inverse/). En Gvatemalo la konflikto estas precipe ekonomia, ĉar la blankuloj klopodas ĉiurimede uzurpi la proprieton de la indianaj komunumoj. La grandbienuloj ekspluatas siajn laboristojn ĝis maksimumo kaj reagas kontraŭ plendoj kaj protestoj per maldungo. La ŝtato, per sia armeo, subtenas la postulojn de la riĉuloj: La armeo invadas indianajn vilaĝojn, detruas la dometojn kaj arbitre kaptas enloĝantojn, torturas ilin kaj ofte jam mortigis multajn el ili. La ŝtataj aŭtoritatoj neglektas la indianajn postulojn kaj malhelpas solvojn. Certan rolon en la rezistomovado ludas la katolika eklezio kiu provas konduki siajn disĉiplojn al humaneco per la biblia instruo, kaj inter la rezistantoj troveblas multaj agantoj el religia konvinko. Tamen la rilatoj inter la - ni diru - kristanaj rezistantoj kaj la politika maldekstro ankoraŭ ŝajnas hezitaj, prudentaj. Rigoberta Menĉû membriĝis en la "Revoluciaj Kristanoj", dum ŝiaj fratoj enviciĝis en aliaj batal-organizoj, kaj la juna virino diris ke ŝi nenion scias pri siaj fratoj, same kiel ili supozeble scias nenion pri ŝia vivo. La atestantino substrekis plurfoje ke la granda plimulto de la indianoj ne scipovas la kastilian lingvon kaj ke la katekizistoj kutime devas parkeri la religian instruon en la indiĝena lingvo por esti kompreneblaj.

Apud la limo inter Honduro kaj Nikaragvo ekestis unu plia rifuĝinto-problemo: En 1981 kaj la nuna jaro el la proksimume 125.ooo miskito-indianoj fuĝis pli ol 5.ooo en la najbaran Honduron. Kial? La juna sandinista reĝimo de Nikaragvo komencis forpeladi tiujn indianojn el ties loĝregiono, kiu etendiĝas inter la (lima) Koko-rivero kaj la atlantika marbordo. La novaj sinjoroj de la lando pensas bezoni tiun regionon kiel strategian bazon, kaj "kompreneble" en tia zono oni ne povas permesi kian ajn opozicion. La miskitoj ne akceptis la novan reĝimon, parte pro la amasa invado far kubanoj, parte pro la ateisma kampanjo. La sandinistoj certe faris la eternan eraron de revoluciuloj: Ili imagis povi renversi la tutan kulturon por establi sian idearon. Ĉar la miskitoj estas profunde religiaj (6o % estas herenhutaj protestantoj, 4o % estas katolikoj), ili prefere aŭskultis la proprajn estrojn ol la fremdajn novulojn. En diversaj atakoj kaj kontraŭstaroj estis murditaj proksimume 4oo miskitoj, kaj 3.5oo "malaperis". La sandinistoj intencas ekscii pri la opoziciuloj per arbitraj arestoj kaj ripeta torturado. Ne surprizas ke la estro de la indiana organizo, Stedman Fagoth Muller, vivanta post enkarcereco nuntempe en Honduro, apartenas al la plej radikalaj kontraŭuloj de la nikaragva revolucio.

Evidentas ke la paŝoj de la sandinistoj kontraŭ la indianoj estas kria maljusteco kaj malhumana krimo. Tiun konstaton ne povas mildigi suspekto kiu aperas vole-nevole: La menciita Muller, inter kies antaŭuloj estis germana misiisto, iam estis membro de la "ŝtat-konsilantaro" de la Somoza-reĝimo. Ĉu lin eventuale pli interesas la konservado de la malnova ordo ol la pluvivado de la indianoj?

* * * * * * * * * * * * *




Ĉu dulingvaj loknomaj tabuloj por nur 1oo homoj?

# ‹BIAR SOIN CIMBARN!›

Estas apenaŭ kredeble ke ekzistas itala ŝtato! Kiom da etnaj grup(et)oj troveblas en tiu lando kiun niaj historiistoj emas prezenti kiel la elstaran ekzemplon de nacie, t.e. etne unueca ŝtato! Ni ne miru tiom pri la piemontanoj, slovenoj, ("normal"-)germanoj, sicilianoj, venetoj, eĉ ne pri la albanoj, grekoj, katalunoj, kroatoj, certe ne pri sardoj kaj aosto-francoj. Malmulto konatas internacie pri la idoj de iuj bajuvaroj enmigrintaj antaŭ pli-malpli mil jaroj de trans la Alpoj. Tiuj bajuvaridoj havas strangan nomon: c i m b r o j, kiu pensigas almenaŭ unuamomente pri eskapintoj el la amasbuĉado efektivigita de Mario en 1o1 antaŭ nia erao apud Verĉelo .... Tamen, tiun ideon energie forpuŝas la cimbristoj kaj cimbroj mem, kiuj memorigas pri la enmigrado de metiistoj el la nordo: Tiuj metiistoj ofte estis ĉarpentistoj, t.e. malnovgermane: zimbaran (prononcu: cimbaran).

Kie serĉi la cimbrojn? En ordinara atlaso malfacilas trovi la necesajn detalojn, sed certe estas indikitaj la urboj norditaliaj Vicenza (pron.: viĉenca) kaj Verona kaj Trento. Nu, proksimume 5o km norde de Vicenza situas la "SEP MUNICIPOJ" Rotzo, Roana, Asiago, Lusiana, Gallio, Enego kaj Foza, kie - el 22.64o enloĝantoj - nur 1oo ankoraŭ parolas sian malnovegan cimbran dialekton. De aro da jaroj senteblas movado por haltigi kaj - laŭeble - renversi la procezon de malpliiĝo de cimbre-parolantoj. En Roana (cimbre: Robân) ekzistas nun instituto pri cimbraj aferoj kiu publikigis jam kelkajn verketojn. Igino Rebeschini, unu el la ĉefaj aktivuloj de la instituto, estas tradukanta "Max kaj Moritz", tiun faman historion de Vilhelmo Busch pri la fiŝercoj de du friponetoj, en la cimbran. Unu el liaj kolegoj, Umberto Martello, jam publikigis cimbran vortareton kaj nun preparas tradukon de la biblio en la lokan lingvon. Fakte la perspektivo ne ŝajnas tro malbona: Oni instruas la cimbran iomete en kaj ekster la lernejoj, kaj ekzistas radioprogramoj en la cimbra.

Kaj la junularo? Kiel en diversaj aliaj regionoj, la pliaĝuloj plendetadas pri la inerteco de la loka junularo. En Lusiana la politika maldekstro, kiu triumfis en lastaj balotoj, ja favoras la pli intensan lernadon de la germana lingvo, sed ne de la cimbra dialekto, kiun - kiel diris la prezidanto de la kultura asocio - oni ne bezonas instrui kaj lerni, ĉar ĉiu scipovas ĝin .....

Kiel povis persisti la cimbroj tra la jarcentoj? En la sama regiono fakte ekzistis ankoraŭ 13 municipoj same germanlingvaj. Kaj la plej suda punkto de la kohera germanlingvio ne estas malproksime: la nuna provinco Bozen / Bolzano en Suda Tirolo. Menciindas ke la Sep Municipoj tra la mezepoko ĝuadis konfederacian aŭtonomion, post kiam ili estis - ĝis 13oo - dependintaj de la Padovaj episkopoj aŭ de lokaj grafoj. Ducent jarojn poste ili submetiĝis al la suverena Venecio kaj - pro sia riĉeco da arbaroj - restis privilegiplenaj. Napoleono nuligis Venecion kaj la statuson de la cimbroj. La aŭstriaj Habsburgoj glutis nordan Italion por perdi ĝin en 1866 en la manojn de la "naci-ŝtato" Italio. Post la montoplugaj bataloj de la unua milito monda kiuj detruis preskaŭ ĉiujn vilaĝojn, oni rekonstruis ilin kaj revenigis la evakuitojn. Hitler kaj Mussolini permesis al la cimbroj decidi ĉu resti, ĉu elmigri. La plej multaj elmigrintoj tamen revenis .....

* * * * * * * * * * * *

## PREZIDENTO KIRCHSCHLÄGER:

# SAMRAJTECO NE SUFIĈAS!




La manko de skandaloj kredemigis, dum la pasintaj jaroj, ke la situacio de la slovenoj en Karintio (Aŭstrio) pliboniĝis esence. La ĉiutagaj faktoj demonstras la malĝustecon de tiaj facilanimaĵoj:

1. La ĉefinspektoro de la lernejoj de Karintio akre rifuzis akcepti petskribon, ĉar ĝi estis verkita komplete en la slovena lingvo. La slovenaj organizoj ne povis ne nomi tiun sintenon "intencita provoko". Kiel ĉi tiu aŭtoritato defendu efike la rajtojn de la minoritato - kio estas unu el ĝiaj laŭleĝaj taskoj?

2. Plian fojon german-naciistoj ŝmiris kontraŭ-slovenajn sloganojn sur la murojn de la (sola) slovena gimnazio, kiu laboras fruktodone en la ĉefurbo Klagenfurt / Celovec depost 1957. Evidente tiu gimnazio estas "vundo en la karno de germana Karintio", kaj unu el la ĉefaj incitantoj de malakceptemo kontraŭ la slovena etna personeco estas **Leopold Wagner**, la ĉefministro de **Karintio** (Socialista Partio de Aŭstrio).

3. Fine de 1981 la municipa parlamento de Sittersdorf / Žitara vas decidis postuli de la estro de la unuagrada lernejo forpreni la du-lingvajn endomajn tabulojn. Diversaj funkciuloj, interalie la ĉefministro Wagner, klopodis prezenti la aferon kiel punindan paŝon de la lernejestro, Franc Kukovica. Tiu ĉi estis petinta pretigon de du-lingvaj tabuloj por la nova domo surbaze de la ekzisto de tiaj surskriboj en la malnova lernejo. La peto de Kukovica "dormis" en la tirkestoj de la municipa administracio. La lernejestro timis ke dum la inaŭguro de la nova lernejo ne estos fiksitaj kiuj ajn tabuletoj kaj tial propra koste mendis la menciitajn du-lingvajn.

Kio povas esti malĝusta en tiu procedo? Certe la silentado kaj nenionfarado de la municipa administracio! Jes ja, Kukovica ne agis surbaze de superula ordono. Tamen, lia decido ne povas mirigi kiun ajn, ĉar tutsimple li aplikis la plej logikajn regulojn: Lia lernejo estas - laŭleĝe - du-lingva, kaj en la malnova domo ekzistis du-lingvaj surskriboj por la diversaj salonoj.

Bonŝance troveblas ankaŭ pozitivaj eroj en la aŭstria politiko rilate etnajn minoritatojn. Fine de marto 1982 la aŭstria ŝtat-prezidento, d-ro Rudolf Kirchschläger, vizitis la du-lingvan municipon Zell / Sele en plej suda Karintio. Li estis invitita okaze de la 80-jariĝo de la Sloven-Katolika Kulturasocio "Planina", kies prezidanto salute memorigis pri la kuraĝa interveno por la slovenaj karintianoj. La enloĝantoj estis kvitancintaj la sintenon de Kirchschläger tre klare: En 1980 Kirchschläger akiris la plej altan procentaĵon de voĉoj por dua prezidento-periodo precize en la municipo Zell / Sele. - Responde Kirchschläger dankis la enloĝantojn pro la diversaj signoj de pozitiva sinteno vide al la Respubliko Aŭstrio (ekzemple la kantado de la aŭstria himno en la germana kaj slovena lingvoj), kaj li substrekis ke minoritato ne bezonas nur samajn rajtojn kaj devojn, sed ke li kiel ŝtatestro, ne povante dekreti laŭ la deziroj de la slovenoj, plene konscias ke minoritato nepre bezonas tutan porcion da plia protekto kaj plia subtenado. Kaj fine la prezidento promesis kunhelpi por ke Aŭstrio iĝu kaj restu komuna patrujo da paco, malfermiteco kaj reciproka respekto. - Espereble kelkaj decidaj politikistoj aŭdis aŭ legis la dirojn de prezidento Kirchschläger.

* * * * * * * * * * *

# VI ESTAS EN LA KATALUNAJ LANDOJ, NACIO OKUPACIATA FAR LA HISPANA KAJ FRANCA ŜTATOJ

Diversaj katalunaj institucioj profitis la ĉeeston de amaso da futbaladeptoj en diversaj urboj de la Katalunaj Landoj por atentigi pri la aŭtentikaj trajtoj de tiu regiono. Tiel okazis ekzemple granda ekspozicio pri diversaj aspektoj de la kataluna kulturo.

Iu institucio, kiu ne publikigis sian nomon nek sian sidejon, distribuis faldfolion kvarlingvan (france, kastilie, katalune kaj angle). La folio enhavas, krom kalendareton pri la matĉoj en katalunaj urboj kaj superrigardo pri enloĝantaro, kvadrataj kilometroj, hotellitoj, aŭtomobiloj, telefonoj, malsanulejaj litoj, sociprodukto, stratkilometroj ktp. ktp. ekstreme kunpremitan skizon de la kataluna historio. La ĉefa trajto estas la reliefigo de la kontraŭkastiliaj militoj. Preskaŭ la dua duono de la paĝo resumas la ĉi-jarcentan klopodadon de Katalunio pri memregado: katalunistaj partioj, normado de la kataluna lingvo, subpremado dum la diktaturoj, unua kaj dua statutoj pri aŭtonomio, nuntempa subpremado de tiuj kiuj batalas por aŭtentika memregado. La celo de tiu batalo estas resumebla en unu sola vorto:

S E N D E P E N D E C O.




En unu el la paĝoj aperas la ĉi-apude represitaj tekstetoj kaj maposkizo. La kvar (ruĝaj) strioj (sur flava fono) simbolas la katalunan flagon, kaj - leginte la teksteton: "Vi estas en la Katalunaj Landoj, nacio okupaciata far la hispana kaj franca ŝtatoj." - oni emas vidi en la kvar strioj la kradstangojn de karcero por tuta popolo.

Certe ĉiuj subpremataj etnoj utiligu kiun ajn okazon por **informi** pri sia sorto. Tamen ni hezitas kredi ke tiu kampanjo kiel ajn efikos. Ĉu futbalfanatikuloj interesiĝas pri tiaj kulturaj, politikaj kaj sociaj problemoj? Espereble kelkaj faldfolioj retroveblos ie tra la mondo en la manoj de personoj akceptemaj por ili!

Rudolf Grulich

# KAMUFLITAJ ETNAJ KONFLIKTOJ EN ORIENTA EŬROPO

Resumo de referaĵo prezentita en Düsseldorf, komence de septembro 1980, dum la kongreso de la Federacia Unuiĝo de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj

Kvankam en orienta Eŭropo la oficiala doktrino konstatas solvon de la etnaj problemoj laŭ la principoj de la Lenina etnopolitiko, procesoj kontraŭ "naciismaj" disidentoj el nerusaj etnoj dokumentas ke tiu ĉi problemo plubruletas aŭ almenaŭ estas "fridigita". La unupartia diktaturo nepermesas diskuton pri la aŭtentikaj rajtoj de etnaj grupoj.

## Lenino kaj la ideo pri federaciismo

En sia artikolo "Kritikaj rimarkoj pri la nacia demando" Lenino skribis en 1913: "La marksistoj memkompreneble starpunktas malamike kontraŭ federacio kaj malcentrigo, simple ĉar la kapitalismo postulas por sia evoluo laŭeble grandajn kaj laŭeble centrigitajn ŝtatojn. Sub cetere samaj kondiĉoj la klase konscia proletaro ĉiam pledos por la pli granda ŝtato. /.../ Dum diversaj etnoj konsistigas unuecan ŝtaton, la marksistoj neniel propagandos la federacian principon aŭ malcentrigon. La centrigita granda ŝtato estas giganta paŝo antaŭen survoje el la mezepoka disereco al la estonta socialisma unueco de la tuta mondo, kaj alia vojo al socialismo ol tra tia ŝtato (nedisigeble ligita al kapitalismo) ne ekzistas kaj ne povas ekzisti."

Jam Markso kaj Engelso defendis la unuecisman respublikon kaj Engelso konsideris, en 1891, ke la proletaro povas profiti nur el la nedividebla respubliko, tezo kiun Lenino kaj Stalino defendas en 1917 kontraŭ la "antaŭjuĝo" ke federacia respubliko signifus pli da libereco ol centrisma. Tamen Lenino ekkonis la grandegan politikan avantaĝon kiun prezentis lia subteno al la nacia movado de nerusoj kontraŭ la malnova ordo. La bolŝevistoj modifis sian strategion propagandante la komunisman ideon pri federacio kiel transiron al unuecismo. La unua frukto estis la agnosko de Ukrajno kiel propra popola respubliko, la 17-an de decembro 1917. Tiu sama jaro portis plurajn fruktojn de naciaj movadoj: aŭtonoma Suomio, sendependa Pollando, federacio de norda Kaŭkazio kaj Dagestano, Latvio, Litovio, Demokrata Respubliko Krimeo, Respubliko de Don-Kozakoj, tatara Respubliko Idel-Uralo, Baŝkira Demokrata Respubliko, k.a. Sed Lenino ĉion ĉi rigardis nur provizoraĵo.

## Survoje al la centrisma ŝtato

La 14-an de majo 1918 Lenino konfesis, antaŭ la Tutrusa Centra Ekzekutiva Komitato kaj la Moskva Soveto, ke el la iama cara regno restis nur la vera Rusio. Sed iom post iom la Ruĝa Armeo reanigis la plej multajn el la memstariĝintaj regionoj: Ukrajnon, Belorusion, Kaŭkazon kaj Centran Azion. Dum la sekvantaj jaroj la nova reĝimo modifis multajn limojn de etnaj regionoj arbitre kreante kontraŭ-etnajn unuojn.

## La Stalina etnomurdo

Sovetunio, sub la regado de Stalino, provis nuligi minimume ok etnajn grupojn: (1) La 7-an de septembro 1941 oni dekretis la malfondon de la Volgo-Germana Respubliko. (2) Malfru-aŭtune de 1943 estis deportitaj la karaĉajoj. (3) Samdecembre devis forlasi sian vivregionon la kalmukoj (dekreto de 27. 12. 1943). (4) Du monatojn poste estis deportitaj la ĉeĉenoj. (5) La inguŝojn trafis la sama sorto komence de marto 1944. (6) Dum marto kaj apri-

lo 1944 estis deportitaj la balkaroj. (7) Meze de majo la krime-tataroj devis forlasi sian hejmregionon. (8) Dum novembro la Soveta registaro forpelis la meŝketojn, kion "leĝigis" dekreto nur en 1946! Post kiam, en la 2o-a partikongreso, en 1956, Ĥruŝĉov estis nominta tiujn deportojn maljustaĵo, estis restarigita la aŭtonomio de la balkaroj, ĉeĉenoj, kalmukoj, inguŝoj kaj karaĉajoj, sed la krimetataroj kaj Volgo-germanoj ne rajtis reveni en siajn originajn regionojn. La deportado rezultigis grandegan perdon de homoj: 46,3 % el la deportitaj krimetataroj mortis dum respektive 18 monatojn post la deportado!

La hodiaŭa ekzisto de 53 etnaj teritorioj en Sovetunio (15 respublikoj kun la etno-nomo, 2o aŭtonomaj respublikoj, 8 aŭtonomaj regionoj kaj 1o etnaj distriktoj) estas impona, sed trompa, ĉar la etno-detruado pere de rusigo daŭras.

Rusigo ĉie

Dum la okcidentaj koloniigintoj redonis memstarecon al siaj iamaj kolonioj, la teritorioj aneksitaj far la caro ankoraŭ nun apartenas al la sama kategorio: kolonioj. Oni memoru pri la baltaj ŝtatoj kaj la arbitraj limoj en Centrazio kies popoloj devas, en siaj naciaj himnoj, laŭdi la "grandan rusan frat-popolon" kaj rajtas mencii siajn proprajn heroojn nur kiel "feŭdismajn rabistojn" (ekzemple sultanon Kenesari Kazimov de Kasaĥio). La celo evidentas: paŝon post paŝo fandi la malgrandajn etnojn en pliajn socialistajn popolojn. En kiujn? Fakte en unu solan, la rusan! Sen la rusa lingvo nuntempe maleblas socia plialtiĝo.

Kvankam nur iom pli ol la duono de la enloĝantoj de Sovetunio estas rusoj, 88 % de ĉiuj revuoj estas rus-lingvaj; milionojn da nerusaj infanoj oni instruas en ruslingvaj lernejoj, kaj kie la etno rezistas ankoraŭ la rusan premadon (ekzemple en 197o ankoraŭ 98 aŭ 99 % el la uzbekoj, kazaĥoj kaj taĝikoj plene uzadis sian propran lingvon), iom post iom efikas alia - eĉ pli danĝera - metodo: Rusaj vortoj anstataŭas tiujn de araba-persa origino kiun uzadis islamo en tiuj regionoj.

Fakte konvenas identigi Sovetunion kun la Rusa Socialisma Federacia Soveta Respubliko (RSFSR), al kiu la aliaj respublikoj estas simple ligitaj. Sed ankaŭ necesas mencii ke kontraŭaj tendencoj estas senteblaj.

La protesto el Rigo

En 1972 atingis okcidenton letero de 17 latvaj komunistoj kiuj kritikegis la rusigadon en Latvio: la Moskva particentro metas siajn homojn en la periferiajn respublikajn partiojn por ... kontrolado; la rusoj prizorgas ke iliaj sametnanoj havu pli facile loĝejojn kaj pli favorajn laborkondiĉojn; Moskvo translokas uniajn organojn en la nerusajn respublikojn kaj tie same instalas grandajn - ofte komplete superfluajn - fabrikojn, kies laboristoj estas kutime rusoj aŭ anoj de aliaj etnoj ol la surloka! Ĉu Latvion minacas simila sorto kiel Karelio ĝin spertis? Ĉar la nom-dona etno restis sub duono de la enloĝantaro, oni transformis la Unian Respublikon Karelio en nur Aŭtonoman Respublikon! La subskribintoj de la letero, verkita jam en 1971, prezentis detalan liston de privilegioj por rusoj ekster RSFSR, kaj fine ili prezentas skizon pri la situacio de la aliaj etnaj grupetoj vivantaj en Latvio: "En ĉiuj respublikoj ĉio estas por la rusoj, iomete por la surloka (ĉef-)etno, sed nenio por la aliaj."

La situacio en la ŝtatoj de la Varsovia Pakto

Ĉiuj ĉi ŝtatoj estas centrismaj, escepte de Ĉeĥoslovakio kiu depost 1968 estas federacio. La pri-minoritata politiko etendiĝas de kompleta neado ĝis agnosko de iuj grupoj.

En la dua germana ŝtato, Germana Demokratia Respubliko, troveblas unu sola etna minoritato: la soraboj /se oni ne volas konsideri la platdiĉojn aparta etno krom la germanoj/. La ampleksan subtenon praktikatan far GDR al

"siaj" soraboj klarigas almenaŭ parte la deziro montri sin kiel fidelegaj disĉiploj de Lenino kaj la fakto ke Pollando kaj Ĉeĥoslovakio emis aneksi la regionon de la najbarlanda slava minoritato. Tamen, el la vidpunkto de etno-juro, GDR ĝis nun ne plenumis bazajn postulojn: teritorian aŭtonomion. La soraboj pluvivas en du diversaj administraj distriktoj de granda germana majoritato!

Pollando agnoskas plurajn ne-polajn etnajn grupojn, tamen ne la plej ampleksan inter ili: la germanan. Ukrajnanoj, belorusoj, ĉeĥoj, slovakoj kaj litovoj ĝuas pli-malpli vastan kulturan memstarecon, kun propraj revuoj, korusoj, teatroj k.s. Eĉ ankoraŭ ekzistas jida semajnrevuo ("Folksztyme"), kvankam la nombro de judoj estas ekstreme malgranda. Fine ankaŭ la grekaj rifuĝintoj el la partizana armeo de generalo Markos havas la statuson de etna grupo. Dum Pollando permesis, ĝis 1958 respektive 1963, certan kulturan vivon germanlingvan en Malsupra Silezio, nuntempe nenio tia pluekzistas, ĉar - laŭ polaj leksikonoj - en tiu ŝtato vivas nur 3.ooo germanoj. Kiom da germanoj fakte loĝas en Pollando malfacilas diri, sed temas certe pri 75o.ooo aŭ eĉ unu miliono.

En Rumanio klare videblas la klopodado de la registaro pli kaj pli fandi ĉiujn etnajn grupojn en la "pli altan unuon", t.e. en la rumanan majoritaton.

En Ĉeĥoslovakio, fondita en 1918, najbaris 5,3 milionoj da germanoj, madjaroj, poloj, ukrajnanoj kun 9,7 milionoj da ĉeĥoj kaj slovakoj. Tiu proporcio esence ŝanĝiĝis post 1945 pro la murdado de la judoj far la nazioj, pro la anekso de Karpat-Ukrajno al Sovetunio, pro la elpelo de 3 milionoj da Sudetgermanoj kaj la parta deportado de madjaroj. Nun nur 6,7 % de la enloĝantoj apartenas al alia etno ol la ĉeĥo respektive slovaka. En 1968 la nova leĝo pri etnaj grupoj unuan fojon mencias ankaŭ la germanojn krom madjaroj, poloj kaj ukrajnanoj (rutenoj) kaj proklamas la rajton pri propralingva edukiĝo, disvolvo de la etna kulturo, uzado de la propra lingvo en la koncernata regiono, fondo de asocioj kaj propralingva gazetaro. La praktiko tre malproksimas de la leĝa teksto. Ne ekzistas germanaj lernejoj, malmultaj germanlingvaj diservoj. Multegaj duetnaj geedzecoj, pli da mortoj ol naskiĝoj, multegaj divorcoj indikas ke la germanoj en ĈSSR estas malaperanta etno.

## La speciala kazo: Jugoslavio

Tiu ĉi ŝtato - klasika multetna ŝtato de la kontinento - estas la sola socialisma lando de Eŭropo kiu atingis solvon de siaj interetnaj problemoj, tamen je la kostoj de duona miliono da forpelitaj aŭ murditaj germanoj. Jam dummilite Tito starigis partizanajn unuojn sur etna bazo, kiuj eldonis siajn propralingvajn bultenojn, el kiuj kreskis parto de la nuna gazetaro. Kvin el la ses jugoslaviaj respublikoj baziĝas sur po unu etno, kies nomon ili portas: Serbio, Kroatio, Slovenio, Makedonio kaj Montenegro, dum Bosnio-Hercegovino estas historie kreskinta regiono kies enloĝantaro konsistas el tri etnaj grupoj: serboj, kroatoj kaj ... muzulmanoj. Post 1945 Jugoslavio ne plu provis kunfandi la diversajn etnojn en unu novan, kion plej trafe pruvas la fakto ke en 1971, el 2o milionoj da enloĝantoj, nur 273.ooo deklaris sin "jugoslavoj" en etna senco. Krom la kvar "ŝtataj" lingvoj (serba, kroata, slovena kaj makedona) ekzistas du samrajtaj "oficialaj" lingvoj (albana en Kosovo kaj madjara en Vojvodino) kaj agnoskitaj minoritataj lingvoj uzataj en lernejoj, instancoj kaj gazetaro: turka, slovaka, rumana, bulgara, ĉeĥa, itala, ruzina, ukrajna. La oficiala kvinlingveco (serba, madjara, slovaka, ruzina kaj rumana) de Vojvodino kaj ĝiaj rezultoj en la provinca parlamento, sur municipa nivelo kaj en la kampo de lernejoj kaj universitatoj meritas atenton. Ne estas adekvate respekti la kroatan postulon pri "historiaj limoj", ĉar nur kroatetna ŝtato estas fikcio pro la granda nombro da serboj, muzulmanoj, italoj, ĉeĥoj, madjaroj, ukrajnanoj kaj slovakoj kunloĝantaj.

(La germanlingva referaĵoteksto estis publikigita en marto 1982 far **FUEEM.**)



# LA OKCITANA EN TELEVIDO

Laŭ francaj gazetinformoj, la televida ĉeno FR 3 Azura Marbordo ekde la 27-a de aprilo 1982 elsendas regule programojn komplete okcitanlingvajn ĉiumarde. Ĝis tiam okazis nur malmultaj, tute sensistemaj elsendoj televidaj. Oni planis programerojn pri aktualaĵoj, pri okcitana filmo, pri la Tagoj de la Felibriĝo (la Felibriĝo estas la provenc-okcitana movado estiĝinta meze de la 19-a jarcento por revivigi la provencan literaturon), ktp. Tiu ĉi programo - sub la titolo "A cor dubert" (t.e. "Kun malfermita koro") - estas certe interesa kaj laŭdinda, sed ... se la gazetara informo ĝustas, la sendotempo ampleksos precize DEK-TRI minutojn, kaj tio estas plorindaĵo! ETNISMO volonte raportos pri spertoj de rigardintoj.

# .....KAJ LERNEJO

La rektoro de la Akademio de Ais-Marselha / Aix-Marseille dissendis cirkuleron pri la skrib-formoj atentendaj en la instruado de la provenca dialekto de la okcitana lingvo. Laŭ la ministro pri nacia edukado, oni klopodos plivigligi la instruadon de la regionaj lingvoj, do ankaŭ de la provenca. La rektoro substrekas ke, el scienca vidpunkto, tute klare la provenca estas konsiderenda kiel dialekto de la okcitana lingvo. Tial estas necese mencii ilin kune: La provenca estus nenio sen la kunteksto de la aliaj okcitanaj dialektoj, same kiel la okcitana lingvo sen la provenca kaj ties riĉega literaturo i.a. de la 19-a jc. estus amputita. La instruisto devas transdoni al la lernantoj tiun dialektan aŭ eĉ subdialektan formon kiun oni uzas en la koncernata regiono, sed ili nepre donu al la geknaboj ideon aŭdan kaj vidan pri la aliaregionaj formoj. Ĉar la instruado pri la okcitana devas konsideri la tutan Okcitanion nunan kaj pasintan, la lernantoj devas koni la du validajn ortografiojn: la t.n. "mistralan" (uzatan precipe en Provenco) kaj tiun propagandatan far la Instituto de Okcitanaj Studoj. La rektoro invitas la instruistojn kiuj ne regas ambaŭ ortografiojn kompletigi siajn konojn ĝis 1985, post kiu momento tiuj kiuj ne estos sekvintaj la inviton ne plu havos garantion povi daŭrigi la instruadon pri la okcitana lingvo.
Se oni konscias pri tio ke ĝis nun maleblis konvinki ĉiujn parolantojn de la diversaj okcitanaj dialektoj pri la taŭgeco de unu sola ortografio, la atentigo de la rektoro de Ais-Marselha estas juĝenda pozitiva elemento, ĉar tiel oni almenaŭ konstruas ponton inter la du "skoloj".

La 27-an kaj 28-an de marto 1982 okazis en Bordozo (Bordeaux / Bordèu) la Tria Kongreso de la Okcitana Instruado, organizita far la Instruado-Sekcio de la Instituto de Okcitanaj Studoj. Partoprenis kvindeko da instruistoj el ĉiuj partoj de Okcitanio. La unuan tagon oni diskutis en komisionoj pri tri ĉef-kampoj: enhavo de la instruado kaj edukado de instruistoj, preparendaj pedagogiaj materialoj, la problemo de la dulingveco kaj la rolo de la universitatoj en la edukado de instruistoj. La duan tagon oni ellaboris katalogon de deziroj koncerne la okcitanan instruadon: sentemigo de la tute junaj lernantoj, tri semajn-horoj en la elementa lernejo, pligravigo de la okcitana lingvo en la duagrada instruado, kunlaboro inter universitatoj por interŝanĝi specialistojn pri la okcitana instruado. - Estas ne malgrave noti ke la rektoro de la Akademio de Bordozo komencis sian paroladon en la okcitana lingvo.

* * * * * * * * * * *

# ‹VIVANTA NENIU PLU ELIROS DE TIE ĈI!›

## LA TURKA ARMEO MURDAS LA KURDAN ETNON.


Serafetin Kaja

Dijarbakiro, en sudorienta Turkio, estas konsiderata la sekreta ĉefurbo de la turkia parto de K U R D I O. Tie jam regis la armeo antaŭ la puĉo de la 12-a de septembro 1980. La karcerojn de Dijarbakiro pasis de aprilo 1979 116.800 kurdoj. Poste, 11.000 estis arestitaj, kaj kontraŭ 8.000 el tiuj kurdoj la armea registaro malfermis procesojn. Post la puĉo proksimume 500 kurdoj el la regiono de Dijarbakiro malaperis, supozeble murditaj far la armeo.

Komence de tiu ĉi jaro fuĝis en FRG-n la kurda advokato Serafetin Kaja, 52-jara, post multega fizika kaj psika suferado. Li laboris de 1951 ĝis 1958 kiel instruisto devante uzi ekskluzive la turkan lingvon, kvankam liaj lernantoj estis kurdoj. Kiam Kaja ne plu povis toleri tiun perforton, li ekstudis juron kaj kvin jarojn poste malfermis advokatejon en la kurda urbeto Mus. Kaja ne membris en politika partio, sed simpatiis kun la Turka Laborista Partio kiu - sola - agnoskis la kurdojn kiel apartan etnon. Tiel Kaja anticipis evoluon de la 70-aj jaroj, kiam iom post iom la turka maldekstro kunlaboris kun la kurda opozicio. Evidente tio alarmis la generalojn. Advokato Kaja ne hezitis defendi akuzitojn de la opozicio, kaj tiel la turka registaro vidis en li pli kaj pli malamikon. Kaja, ekzemple, defendis la lingviston Ismail Beheŝti kiu estis plurfoje kondamnita je malliberecо pro siaj publikigaĵoj kurdalingvaj. Ankaŭ nuntempe Beheŝti estas en karcero ... por 10 jaroj. Logikas ke ankaŭ Kaja estis enkarcerigita dum la armea diktaturo de 1971 ĝis 1973. Iom poste registaraj organoj traserĉis lian advokatejon kaj tiom mistraktis lin ke plurmonata kuracado apenaŭ savis lin de morto.

Kiam en aprilo 1979 ekvalidis la militjuro en Dijarbakiro, Serafetin Kaja transloĝis al tiu ĉi urbo kaj tie instalis, kun kvin kolegoj, advokatejon por povi defendi la akuzitojn antaŭ la provinca tribunalo. Li estis inter la malmultaj personoj pretaj informi eksterlandanojn pri la situacio, kaj li diris ke ekde certa momento la risko de enkarceriĝo ne plu dependas de la propra konduto. Malakceptante statistan rolon en la milit-procesoj, li mem estis arestita la 15-an de februaro 1981 kaj ĵetita en la karceron de Dijarbakiro. Evidente devis okazi tiel: Kaja estis elstara konsilanto por la kurdaj kamparanoj kiuj venis en lian advokatejon kaj raportadis pri la kruelaĵoj de la armeanoj. Por humiligi la kurdojn la oficiroj devigis virinojn manpreni la penison de siaj respektivaj edzoj kaj tiel trairi la vilaĝon. Tamen, en la armea karcero Kaja konvinkiĝis definitive pri la celo de la generaloj likvidi la kurdan etnon. Apenaŭ alvenintaj la malliberuloj, nudaj kaj apogitaj unufingre kontraŭ muro, kovritaj okuloj, ricevas minimume 44 batojn per ferstango kaj devas citi diraĵojn de la "patro de la turka respubliko" Atatürk; poste soldatoj batas la enkarcerigitojn ĝis sango fluas el la vizaĝo; en la izolaj ĉeloj la malliberuloj ĝisgenue estas en fekaĵo kaj devas ŝmiri tiun ĉi sur sian tutan korpon, sen rajti lavi sin. Kaja raportis ke la granda plimulto el la nuntempe 3.000 enkarcerigitoj de Dijarbakiro estas kvazaŭ-skeletoj kaj certe ne plu forlasos tiun surteran inferon. La komandanto de tiu karcero, generalo Alatin Bajar,

4. rekomendas ke la Regiona Fonduso kunfinancu regionajn ekonomiajn projektojn, ĉar la kultura identeco de regiono povas ekzisti nur se la enloĝantaro povas VIVI KAJ LABORI EN SIA LANDO;
5. invitas la Komisionon revizii ĉiujn leĝajn regulojn aŭ komunumajn praktikojn kiuj diskriminacias la minoritatajn lingvojn;
6. komisias sian prezidanton transsendi tiun ĉi rezolucion al la Konsilantaro kaj al la Komisiono de la Eŭropaj Komunumoj, al la registaroj kaj al la regionaj aŭtoritatoj de la membroj-ŝtatoj de la Komunumo same kiel al la Konsilantaro de Eŭropo.

Certe, tiu ĉi rezolucio estas granda progreso, en la teoria flanko de la defendo de etnaj minoritatoj, ĉar la Eŭropa Komunumo tre emis neis kian ajn kompetentecon en kampoj aliaj ol ekonomiaj. Evidente la Parlamento estas pli kuraĝa ol tion deziras la naciaj registaroj.

Tamen, kiujn sekvojn havos tiu ĉi rezolucio? Neniu ŝtato estas devigita respekti la ĉi-teman decidon de la Parlamento! Eventuale la naciaj parlamentanoj iom pli pretos okupiĝi pri la postuloj de la etnaj minoritatoj, ĉar iliaj eŭropnivelaj kolegoj faris same kaj do forigis la "neseriozecon" de la temo.

Krome, ni ne forgesu ke tiu ĉi rezolucio neniel memorigas la registarojn pri la origina rajto de kiu ajn etna grupo pri (ankaŭ teritoria) MEMDECIDO. Ni ne imagu tro multon de tiuj parlamentanoj kiuj - preskaŭ komplete - reprezentas la malnovajn partiojn kiuj kulpas pri la situacio de la etnaj minoritatoj. Ĉu iam povos naskiĝi el aŭtonomio de regiono suvereneco?

# PAPUA REZISTO




Surbaze de la Novjorka traktato de 1962, Indonezio okupis Okcidentirianon (okcidentan Novgvineon) en 1963 kaj devintus prepari, por 1969, liberan referendumon de la enloĝantoj pri la politika estonto de tiu parto de la iama nederlanda kolonio.
Sed, kiel raportas la unua indonezia guberniestro de Okcidentiriano, Elizier Bonay, Indonezio evidente neniam intencis ebligi tian referendumon. "Eĉ ne voĉdonon laŭ la indonezia maniero de 'musjaŭarah', t.e. 'interkonsento per konsultado' oni efektivigis, sed la indonezia registaro simple nomis 1.o25 tribestrojn, izolis ilin kontraŭ influoj el la popolo, instrukciis ilin kiel 'voĉdoni' kaj eĉ ne kunvokis ilin ĉiujn por la decida 'voĉdono', sed igis ilin jesi la registaran prjekton de anekso dise en la diversaj landopartoj," eksplikas Bonay. Kial tiu ĉi batalanto por sendependeco de Okcidentiriano iĝis indonezia guberniestro? Laŭ la malnova metodo: Honorigu vian ĉefan malamikon por ke li ĉesu agiti kontraŭ vi! Sed Bonay tre baldaŭ ekkonis sian senpovecon en la posteno, kaj post pluraj liaj protestoj kontraŭ la indonezia korupto, ŝtelado, torturado k.s. la registaro revokis lin. Poste Bonay kiel privatulo reiris al Okcidentiriano kaj aktivis en la batalo kontraŭ Indonezio. - Nuntempe la ĉefa opozicia forto estas "Organisi Papua Merdeka" kiu praktikas armilan kontraŭstaron al la imperiisma okupacio far Indonezio.

* * * * * * * * * * * * * * * * * *




# IKEL-INFORMILO 9

## 1. KUNVENOJ EN ANTVERPENO

Kiel la IKEL-estraro anoncis en ETNISMO 28, p. 2o, okazos du kunvenoj dum la 67-a Universala Kongreso. La datoj estas ŝanĝitaj:

a) La fakkunveno pri la temo

PROBLEMOJ KAJ PERSPEKTIVOJ DE LA PLUR-ETNA ŜTATO BELGIO:

VALONOJ, LECEBURGANOJ, FLANDROJ, ORIENT-BELGOJ KAJ BRUSELO

okazos mardon, la 27-an de julio 1982, de la 15.3o ĝis la 17.oo horo. La enkondukan referaĵon faros s-ro Marc Demonty, Bruselo.

b) La membrokunveno de IKEL okazos, laŭ la provizora tagordo publikigita en ETNISMO 28, p. 2o, vendredon, la 3o-an de julio 1982, de la 17.oo ĝis la 19.oo horo.

Pri la ejoj de ambaŭ kunvenoj bonvolu informiĝi en la kongresa libro.

## 2. FINANCOJ

Ĉiuj membroj de IKEL bonvolu mem kontroli ĉu ili pagis la membrokotizon por 1982. Evitu niaflankan memorigon kiu kostas ne nur laboron, sed precipe sufiĉe multan monon. Se vi ne pagis, bonvolu tion tuj fari. Jen niaj kontoj:

a) ĝenerale: Uwe Joachim Moritz (IKEL-prezidanto)
Im Römerfeld 44, D-518o Eschweiler (FRG)
poŝtĝirkonto: 227172 - 3o3 Hannover

b) en Italio: Norberto Saletti (IKEL-reprezentanto en Italio)
Via Libia 2o/4, I-4o138 Bologna
poŝtĝirkonto: 128564o7 Bologna

c) en Hispanio: Llorenç Martí i Nanclares (IKEL-kasisto)
Ribot i Serra, 114, Sabadell (Barcelona)

Bonvolu atenti ke via IKEL-membreco daŭras tra la jaroj, se vi ne eksplicite deklaras - laŭ 3.2.2. de la IKEL-statuto - vian eksmembriĝon. Unu el la devoj de membro estas ..... pagi la jarkotizon!

## 3. ETNISMO

Tiu ĉi revueto estas la organo de IKEL, kvankam tiu ĉi asocio ne plene financas ĝin. ETNISMO ankoraŭ estas deficitiga. La 1-an de julio 1982 la sendokostoj plialtiĝis mezume je 33 %. Ni devas redukti la elspezojn aŭ ..... plialtigi la kotizojn. Provizore ni reduktas la amplekson de ĉiu numero. IKEL-membroj kaj aliaj ETNISMO-legantoj estas invititaj opini-esprimi!

**Etnismo** *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim Moritz, Im Römerfeld 44, D-518o Eschweiler (FRG), tel.: (49-24o3) 16 888; poŝtĝirkonto: 232612 - 3o6 Hannover; ĝirkonto ĉe UEA: 564o.

Jarabono (kalendara jaro, kun 3 numeroj): 1o,-- gm (11 internaciaj respondkuponoj). La IKEL-kotizo de 22,-- gm jam inkluzivas la abonon de ETNISMO.

Tiu ĉi estas - malgraŭ la dato - la TRIA numero de mil naŭcent okdek-UNU!